*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 25/04/2019 Kvarcentdudektria eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj*** *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* *Duolingo* *Google Translate* *Pasintaj AE eldonoj* *duolingo entute* *lingvohelpilo* *Esperanta Retradio* *Esperanta himno* *PMEGramatiko* *openclipart.*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 817,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **330,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas **305,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas **182,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)



## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".





### N.ro.65 (La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)




Ekzistas agoj, kiuj esprimas la kvaliton de la Subjekto, por kiuj ni uzas verbon kun adjektivo aŭ substantivo, kvazaŭ la tuto esprimas unu agon, unu okazon, kaj por kiuj ni povus do uzi unu kombinitan vorton, ekz. "La hundo ESTAS LACA" al "La hundo LACAS" kaj "La hundo RESTAS LACA" al "La hundo LACRESTAS" kaj "La hundo ASPEKTAS LACA" al "La hundo LACASPEKTAS".

Kun la verbo "esti" ni eĉ ofte uzas unu vorton, verbon, kiel en "Ŝi ESTAS SILENTA" al "Ŝi SILENTAS" kaj "Ne paroli nun RESTAS KONSILINDA" al "Ne paroli nun KONSILINDAS". En ĉiuj tiuj duvortaj predikatoj la ago esprimas la kvaliton de la subjekto. Tial ni nomas tian neverban parton de la predikato "Subjekta Predikativo". Kiam ni kunligas la verbon kun la predikativo ni ne plu uzas tiun titolon de "Subjekta Predikativo"; ni nomas la unu verbon, "silentas", simple "La Simpla Predikato".



La Predikato povas havi ankaŭ Predikativon kiu esprimas la kvaliton de la Gramatika Objekto.

Pri tio sekvontfoje.

*Marcel Leereveld*

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero. rspring@tpg.com.au



# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. La 20a de aprilo estos la tria sabato. Unu taso da klubpagata kafo atendas vin. Venis Roger, John Casey kaj Ian Wylles. *Roger S.*





# Feliĉan kaj zorgomankan Paskon.

*Vera Payne*







# Esperanto-Klubo de la Centra Marbordo kunvenis en Wyee



Ĉar la aprila kunveno de la Esperanto-Klubo de la Centra Marbordo kaj Novkastela Esperanto-Societo koincidis kun Pasko-dimanĉo, la kutima loko (Albert's Cafe, Wyong) estis fermata. Pro tio la kunveno estis oficiale nuligita. Tamen, je la lasta momento, Joanne sugestis, ke ni kunvenu ĉe la kafejo de Wyee Nursery, kiu estos malfermata. (Andrew, kiu kutime venas de Novkastelo, informis nin, ke li "familiumos".) Fine partoprenis kvin esperantistoj kaj ni diskutis diversajn temojn, inkluzive de la venontaj lingvo-festivaloj en Gordon kaj Erina, kupolformaj kotbrikaj konstruaĵoj, ideoj por komputil-programoj kaj mensmapado.


*Akvodrako apud nia tablo*

Ĉiuj konsentas, ke la etoso kaj manĝaĵoj estis pli bonaj ol ĉe Albert's Cafe. Ĉirkaŭ la tabloj de tempo al tempo piediris belaj lacertoj (akvodrakoj). Fakte, ni pensis pri eble daŭre ŝanĝi nian kunvenejon.

Raportis *Jonathan Cooper*




*Foto*
*De la maldekstro dekstren: Alan Turvey, Eckard Roehrich, Dmitry Lushnikov, Jonathan Cooper, Joanne Cho (fotis Natalia Lushnikova)*

**Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE**

*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au


# Konvinka Ĝardeno.



## POR KRESKI KAJ VIVI ĜI DEVAS DAŬRE ŜANĜIĜI .

Jen unu el la miskonceptoj pri Esperanto, ĉe la neesperantista publiko, kaj eĉ ĉe kelkaj Esperantistoj.

Opiniante ĉi tiun falsaĵon, oni forgesas, aŭ neniam sciis, ke Esperanto jam estas preskaŭ perfekta lingvo, por uzado inter la Esperantistoj kiel dua hejmlingvo, kaj por servi kiel interlingvo inter popoloj de diversaj lingvoj etnaj. Sed eble oni pensas pri estontaj jaroj, kiam aperos novaj ideoj pri la mondo kaj pri aliaj popoloj, kaj kiam aperos multege da novaj teĥnikaĵoj, por kiuj ni bezonas novajn vortojn.

Kion faros la etnaj lingvoj pri tio? La plejmulto de la novaj vortoj por novaj konceptoj aperas unue en la angla lingvo. Kiel? Plej multe per "aglutinado". La angla lingvo plej multe faras novajn vortojn uzante siajn proprajn por kunmeti ilin, aglutine. Sed en plej multaj kazoj ĝi ne aglutine kunmetas la du aŭ pli da elementojn, sed simple kombinas ilin. Ĝi do ne faras unu novan vorton kungluitan por unu nova koncepto, sed kombinaĵon de la apartaj elementoj, ekzemple *FORECAST OF THE WEATHER* fariĝas *WEATHER FORECAST* anstataŭ la origina aglutina *WEATHERFORECAST*, kiel la malnovaj aglutinaĵoj *SOUPTERRINE* kaj *PEPPERMINT* kaj *BATHROOM*. La kaŭzo de tiu historia ŝanĝo en la angla lingvo estas parte ke la vortoj ofte fariĝas tre longaj kaj parte ke en la angla lingvo iom malfacilas rekoni finon kaj komencon de vorto. Sed la precipa karaktero de aglutinado estas en la angla ĝuste obeata, nome ke en la kombinaĵo la ĉefelemento staras laste, dum en neaglutinaj lingvoj kia la franca la ĉefelemento staras unue: *un drap de lit* estas "tuko", ne "lito", dum *bed linen* estas "*linen*", ne "*bed*".

Vidinte kiel la angla lingvo konstruas novajn vortojn el sia propra vortaro, en kombinaĵoj de malnovaj anglaj vortoj, ni povas lerni, se ni ne scias tion jam, por fari novajn vortojn en Esperanto, per vortkunmetado. Ni nur memoru kunglui la du aŭ tri partojn de la nova kunmertaĵo, de la nova vorto, kion angloparolantoj tendencas forgesi. Do NE "vetero prognozo", sed "veteroprognozo". La aglutinaj lingvoj, speciale la germana, tiel kreas ofte longajn kaj tre longajn novajn vortojn, kio ne facilas tuj kompreni por aliaj, ekz. la germana vorto "*Donaŭdampfschifffahrtgesellschaft*" kie la angloj uzus la saman vicordon sed per malpli da kungluaĵoj: "*Danube steamshiptravel company*" (Danubvaporŝipvojaĝkomercsocio). Sed la angla montras al ni, Esperantistoj, ke ankaŭ en Esperanto ni povas riĉe krei el niaj jamaj oficialaj vortoj la bezonotajn novajn vortojn por la novaj teĥnikaĵoj kaj kulturaĵoj. Do en tiu aspekto Esperanto ne bezonas kreski per la akcepto de novaj vortoj el aliaj lingvoj, kiel la plej multaj etnaj lingvoj faras el la angla kaj franca. En ĉi tiu kazo Esperanto jam estas perfekta.

Ankaŭ la gramatikaj reguloj de Esperanto ne bezonas "kreski", ĉar ili jam same perfektas. Nur du aŭ tri originaj esperantogramatikaĵoj bezonas forlasati por pli ĝustaj formoj eblaj per la helpo de la jam ekzistanta Esperantogramatiko. Tiu perfekto estas jam donita, sed prenas tempon por komune uzati pro la natura homa rezisto al kutimŝanĝado.

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

Kio alia ankoraŭ ne estas sufiĉe perfekta en Esperanto por ke la lingvo plu restu relative perfekta? Kelkaj homoj asertas ke la ĉapelitaj literoj devas ŝanĝati al neĉapelitaj. Sed montriĝis ke la uzado de ĉapeloj sur literoj, kiel la "*accents*" en la franca kaj la "*Umlaŭte*" en la germana, tute ne influas rapidan rekonon de la sonoj. Do ankaŭ tio estas perfekta kaj ne bezonas "plibonigon". Kaj la fleksebleco de la prononco de la vokaloj estas granda avantaĝo por la rapida rekono.

Krome la gramatiko kaj la vortfarado en Esperanto ne povus farati pli facila sen la perdo de precizeco. Do Zamenhof, parte genie kaj parte intue, kreis lingvon kiu kreskos ne per ŝanĝiĝado de gramatikaj reguloj nek de akeptado de fremdaj vortoj, SED KRESKOS PER LA UZADO DE SIAJ PROPRAJ JAM EKZISTANTAJ REGULOJ KAJ VORTARO. Por esti la plej fidebla interlingvo inter la nacioj. Laŭ la francrevolucia "Vivu la son' de l' plejbon', Vivu Majstra l' geni'" (Vivu la sono de la plejbono, Vivu la Majstra genio).

*Marcel Leereveld*.

P.S. Ne forgesu, ke aglutina nova vorto, ankaŭ en la angla,
devenas el prepozitivo, kaj devas enhavi la signifon "speciala". *M.L*.

## ĈU PETI IUN AŬ ION ?

Kaj P.A.G. kaj P.I.V. donas al la verbo "peti" tri signifojn, ĉar donante al ĝi tri malsamajn gramatikajn objektojn: 1) Oni petas ION (el iu), aŭ 2) Oni petas IUN (fari aŭ doni ion), aŭ 3) Oni petas al iu FARI ion.

Ĉar mi preferas eblan regulecon, mi ĉiam uzas "peti" nur kun unu speco de gramatika objekto, nome la agon, la infinitivon. Ofte tio signifas, ke la Objekto subkomprenatas, kaj ke menciatas nur la Objekto de la forlasita infinitivo, kiel en "Mi petas (RICEVI) la ĵurnalon. Same ofte oni mencias la Objekton kiu estas la infinitivo, sed samtempe mencias la personon al kiu oni petas la agon en la formo de Objekto sed kiu estas mallongigo de la "al-adjekto", kiel en "Mi petis lin (= al li) RETRODONI la ĵurnalon". Krome: "Mi petis lin (= al li) ENIRI" (= li eniru), kaj "MI petis (la PERMESON = PERMESI al mi) eniri" (= mi eniru).

Do la Gramatika Objekto estas ĉiam la infinitivo (aŭ substantivigita ago, kiel la permeso aŭ la rajto) *Marcel Leereveld.*

## ĈU GEEDZIĜI AŬ NE ?

Mia propono estas, ke anstataŭ la nuntempa geedziĝo por ĝis la morto, eterna, ni havu geedziĝon kiu daŭras kvin jarojn kaj kiun oni devas, se oni volas, daŭrigi ĉiufoje por kvin pluaj jaroj. La celo estas psiĥologia, nome ke la homoj ne plu pensu ke malfideleco al edzo aŭ al edzino estas krimo aŭ malmorala. La geedzoj ja nun morale kaj leĝe kaj praktike postulas tian fidelecon ĝis la morto kaj juĝas ke malfideleco estas puninda.

Kaj tia punado okazas. En Aŭstralio en la ĵusaj kelkaj jaroj edzoj punis siajn nefidelajn edzinojn ne nur murdante ilin, sed ankaŭ, anstataŭe, murdante siajn gefilojn. Ili aŭ mane mortigas la infanojn, aŭ veturigas ilin en lagon, aŭ ĵetas ilin el sur ponto, aŭ venenigas ilin, aŭ alimaniere.

La precipa celo de la kvinjara geedziĝo estas, draste malpliigi tiajn krimojn, per la ŝanĝo de la kultura dogmo kiu atendas, ke la edzo aŭ la edzino estas la posedo de la alia, kaj ke eterna fideleco estas la normo, tiel ke malfideleco estas puninda. Se edzo aŭ edzino rajtas forlasi la geedziĝon post kvin aŭ dek aŭ dek-kvin jaroj, la menso adaptiĝas al ebla kaj plenrajta forlaso el la geedziĝo. Eĉ se tiaj edziĝrompoj okazos pli ofte, kion mi ne kredas, La alternativo estos eterneco rompadata de nefideleco kaj de mortigoj. Tial mi favoras tiun proponon de kvin jaroj. .

Cetere, tiuj kiuj deziras tion, plu kapablos vivi kune en edziĝo por ĉiam, simple ĉiun jarkvinon daŭrigante la edziĝon, bazite sur amo kaj/aŭ infanoj kaj/aŭ konveneco. Do bazite sur honesteco aŭ praktikeco kaj ne sur falsa sento de sekureco. Kaj pluos la esperplenaj geedziĝceremonioj, eĉ pli, kaj la romantikaj esperoj kaj intencoj. Kaj cetere eksedziĝo mem jam estas oficiale ebla en multaj landoj. Kaj amo plu regos, eĉ amo al eksteredziĝaj amantoj. Kaj ni ne forgesu, ke nefideleco praktike aperas en gamo da formoj, el de la rompiĝo de la edziĝo ĝis la simpla revado pri alia ekstergeedza viro aŭ virino.

*Marcel Leereveld*.



# Geedziĝo estas ekonomia kontrakto.



La riĉeco kaj ekonomia sekureco de la familo rezultas de la agoj kaj kredoj de ambaŭ, la edzo kaj la edzino. Do kvinjara geedziĝo kreas ekonomiajn problemojn se ili la geedziĝon rompas.

**Tio eble ne estus grava por la riĉeguloj aŭ la malriĉeguloj**, sed elektu vivi en luita ĉambro anstataŭ en komforta domo ne estas bona rezulto por multaj el la viktimoj de geedziĝrompo. *Roger Springer* postskribo:- mi luas ĉambrojn en mia domo.





## 3zzz



Al tiuj, kiuj ne plu desegnas, la ideoj de Jonathan Cooper pri desegni, esprimitaj en la intervjuo disaŭdigita en la elsendo de la 22a de aprilo eble redonos la emon provi. Aŭskulteblas ankaŭ kantoj de Kjara , kiu ĵus publikigis novan kompaktdiskon. *Franciska Toubale*



# Karaj kontribuantoj. Sen vi, AE ne povas ekzisti

*Merkredvespere mi sendas la novaĵleteron al la provlegantino por kontroli la lingvon kaj elsendas al la legantoj dum ĵaŭdo. Uzu ĝin por la reklamo de viaj semajnfinaj eventoj. Poste informu pri la sukcesoj de viaj kunvenoj en la sekvanta "Aŭstraliaj Esperantistoj" por montri ke viaj kluboj ekzistas kaj aktivas.*





***Se oni ne sendas informon al AE, tiu novaĵo ne povas aperi en AE***





***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***